REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

FONDITA en 1908 - TRIA SERIO

35a Jaro - Nº 242 Febr. 1967

# FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris X<sup>e</sup> — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

## VORTOJ DE LA PREZIDANTO

En diversaj landoj la Registaro forte helpas la esperantan movadon.

Por havi grandan helpon de la oficialaj instancoj, estas necese havi, ĉe la Parlamento, favorajn deputitojn.

Niaj Kulturaj Centroj devas sendi al ĉiuj kandidatoj dokumentaron, kaj peti ilian opinion pri Esperanto.

Kopiojn de la respondoj oni sendos al U. F. E. (Informa Fako), kiu zorgos pri starigo de grupo de parlamentanoj favoraj al nia lingvo.

Ne forgesu uzi grandskale"Esperanto-Actualités" kun niaj flugfolioj.Mendu ekzemplerojn ĉe U.F.E.

Ne forgesu kapti ankaŭ la okazon,montri al viaj samurbanoj la belegan, okulfrapan migran ekspozicion; petu informojn de S-ro Lentaigne, 3 avenue de la Gaillarde, 34-Montpellier.

En tiu numero vi trovos novan liston de brikoferoj por la Esperanto-Domo. La alvoko ĉiam validas (unu briko valoras 100 F.).

Notu sur via memorlibreto "12-15 Majo 1967- Nacia Kongreso, Calais" kaj... ne forgesu sendi vian aliĝon.

U.F.E. oferdonas senpagan restadon dum la Paska Kultura Semajno, en la kastelo Grésillon (28/3 ĝis 3/4-1967) al niaj bonaj junaj lernantoj, elektitaj de niaj instruantoj. Proponojn ricevas S-ro BOYET, 3 rue Lebas, 49-ANGERS (G.E.E.Fako)

Se vi ne ŝatas vojaĝi aviadile al Tel-Aviv, vi ĝuos la plezuron de krozado sur la Mediteraneo kun interesaj prelegoj, filmoj, dancoj, ludoj, ktp.

Aliĝu tuj!

René LLECH - WALTER

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION :** M. André RIBOT, 11, rue Paul Vergne - (47) MARMANDE - Tél. : 730

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : être toujours dactylographiés sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS** : Le détail en a paru dans le précédent numéro.


xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## NOVAĴOJ pri I. O. E.

Sub la devizo "Pli valoras la praktiko ol centhora prediko", de la 25-a ĝis 29-a de Julio kunvenis en Prago la Direkcio de I.O.E.

Tiu unua labor-konferenco estis organizita de la ĉeĥoslovaka komitato de I.O.E., kaj pritraktis la jarraporton, fiksis la definitivan statuton, elektis oficialan sidejon en Beogrado, fiksis la laborprogramon rilate 1967,elektis novan direkcion.

Ni notu, ke la du francaj direkcianoj (S-ro R.Llech-Walter kaj Inĝ. Dettwiller) estis reelektitaj.

Inĝ.Dettwiller aktive partoprenis la laborkonferencon en Prago, kaj estis komisiita starigi la Kemi-sekcion en la kadro de la kampanjo "enkonduko de la Internacia Lingvo en la sciencojn", en tuta konsento kaj kunlaboro kun la faka organizaĵo I. S. A. E.

Pliaj informoj, kaj abonoj al IOE gazeto (monata oficiala organo IO F) ĉe DETTWILLER, p.ĉ.k.Clermont-Ferran N°77979.

SOMMAIRE - ENHAVO

# P A S K A   K U L T U R A   S E M A J N O

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

En 1967, la Paska Kultura Semajno okazos en la KulturDomo de la Franclandaj Esperantistoj (Grésillon), de la 28/3 ĝis la 3/4.

Tiu renkonto estas organizata per kunlaboro de U. F. E. kaj de G.E.E., tial la enregistrado de la partoprenontoj estas sub la respondeco de F. BOYET, 3 rue Lebas, 49-Angers, kiel estis jam anoncite al la grupestroj.

Dank'al subvencio de la Sekretariato pri Nacia Edukado, oni povos akcepti stipendiulojn laŭ la jenaj kondiĉoj:

- esti minimume 18-jara,
- plulerni la internacian lingvon kun la celo instrui ĝin poste.

Se tiuj kondiĉoj estas plenumitaj tiam la stipendiuloj ricevas:

- senpagan restadon en la kulturdomo dum la paska semajno,
- rabatilon (20%) por la vojaĝelspezoj.

Ĉiuj Esperanto-instruantoj estas petataj informi siajn gelernantojn pri la ĉi supraj kondiĉoj, kaj favorigi la kandidatiĝon de tiuj lernantoj. Ju pli estos da kandidatoj, des pli estos facile krei iun esperantistan atmosferon favoran al preparado de venontaj esperanto-insturantoj.

Praktike, la instruantoj informu la lernantoj, kiel eble plej baldaŭ, kaj post kolekto de kandidatoj, sendu la jenajn informojn kiel eble plej rapide al S-ro BOYET, 3 rue Lebas, 49 Angers:

-nomo de la kandidato kun antaŭ - nomo (se necese, precizigi la sekson kiam la antaŭnomo estas ambaŭ-seksa)

-naskiĝdato,

-ĝenerala kulturnivelo (studoj - faritaj en la francaj lernejoj),

-esperantlingva nivelo (daŭro de la studoj en esperanto).

La du lastaj informoj permesos pli bone organizi la laboron dum la restado; tiuj dumrestadaj studoj bezonas adaptiĝon al la kapabloj de la ĉeestantoj).

La listoj de kandidatoj estos transsenditaj al la Direktoro de la Kulturdomo, kiu informos la kandidatojn pri la materialaj flankoj de restado, kaj sendos la vojaĝ-rabatilon.

F. B O Y E T

===========

---

## FALDFOLIOJ PRI ROTERDAMO

Okaze de la 60jara jubileo de nia asocio, la roterdama turisma oficejo eldonis, en kunlaboro kun la Roterdama Espº-Societo,belaspektan turisman prospekton en Esperanto pri la urbo Roterdamo.

Tiu tre belaspekta, kvankam simpla faldfolio povos utili al niaj grupestroj, kiel modelo, por peti de la urbaj turism-oficejoj samspecan imitadon.

Interesiĝantoj povas peti ĝin ĉe: V.V.V.-Stadhuisplein 19- ROTTERDAM.

## SKIFERIOJ EN ABELBODEN (Svislando)

Tiuj skiferioj organizitaj de la Svisa Esperanto-Edukistaro daŭris de la 26/12 ĝis la 4/1. Dek unu gejunuloj el Francujo, Germanujo,Nederlando kaj Svislando skiadis, vigle diskutis kaj amuziĝis. La komencantoj - laŭ skiarto - profitis la lecionojn de S-ro GACOND,kaj ĉiuj ĝuis la manĝojn pretigitajn de S-ino GACOND.

Sendube la krokodiloj ne ŝatas la neĝon, ĉar neniu el ili troviĝis inter la partoprenantoj.

==============================

## BELA VOJAĜO

Ĝi estas tiu, kiun faris S-ano TURIN en Bulgario, kiel gajninto de la dua premio de la konkurso organizita dum la jaro 1965 de la revuo en esperanto "NUNTEMPA BULGARIO".

Forfluginte el Ĝenevo la 16-an de septembro, nia samlandano estis akceptita en Sofio de la redaktoraro de la revuo kaj de la komitato por kulturaj interrilatoj.

Li ekskursis al la Esperanto-Domo sur la monto Vitoŝa, kaj per ĉiuspecaj transportrimedoj, li veturis al plej vidindaj lokoj de la lando. Lin afable gvidis S-ano K. DRAĴEV el Sofio.

Tiel li vizitis la urbon TIRNOVO, kie okazas arkeologiaj serĉoj, bordon de Nigra Maro, kun la granda belege aranĝitaj strandoj: Oraj Sabloj kaj Suna Bordo, la internacian foiron en PLOVDIV, kie li ankaù pilgrimis al la domo de LAMARTINE, kaj fine al la ĉefurbo SOFIO.

La organizado de la vojaĝo estis perfekta: loĝado en luksaj hoteloj, manĝaĵoj konsistante el bulgaraj specialaĵoj, komfortaj transportiloj; aviadiloj, trajnoj, ŝipoj alvenis kaj foriris akurate. Aùto-stratoj ebligas rapidajn translokiĝojn. Rimarkinde estas la aertrafiko. Ne nur riĉuloj vojaĝas per aviadiloj, sed ankaù oficistoj, manlaboristoj, kamparanoj. Sur maro la ŝipo "Raketo", bezonas nur kelkajn horojn por veturigi la turistojn de Burgas al Neŝeber.

Ĉie S-no TURIN trovis afablan akcepton. Multaj Bulgaroj bonvole helpis lin. Agrable memorinda estis vesperonen Plovdiv, kiam la loka Esperantista Klubo gastigis lin. Samideanoj gvidis lin nokte ĝis pinto de monteto, kie oni ĝuas belegan vidon al la tuta ĉirkaùanta urbo.

Antaù ol reveni aviadile al Ĝenevo, S-no TURIN pasigis lastan vesperon inter la multnombraj esperantistoj de la sofia grupo Maksim Gorki.

## CONSEIL DU MOIS

### BADEN-POWELL et l'ESPERANTO

Le fondateur du scoutisme avait compris tout l'intérêt que la langue internationale présente pour la jeunesse, et il avait chaudement recommandé son étude et son emploi; une "badge" d' interprête espérantiste avait même été créée.

Cependant, la diffusion de l'Espéranto dans les milieux qui se réclament de Baden-Powell a été jusqu'ici un peu négligée; aussi devant l'internationalisation rapide de notre monde actuel, il serait bon de reconsidérer le problème et de se fixer un premier objectif: que chaque troupe de scouts, routiers ou guides possède au moins un(e) espérantiste, grâce à qui l' action internationale au sein de la troupe pourrait utilement se développer.

Pour concrétiser ce but, il reste à envisager le moyen d' apprendre la langue à ceux et celles qui manqueraient - actuellement - de temps ou qui ne trouveraient pas de cours dans leur ville, nous proposons l' organisation d' un camp-stage à Grésillon au cours des vacances 1967. Dans le vaste parc de la Maison Culturelle, il y a de la place pour de nombreuses tentes et la M.C.E. pourrait servir les repas à prix modique

L'idée est lancée; nous demandons maintenant à tous nos amis et lecteurs de cette Revue de nous aider à la réaliser, en prenant contact sans plus attendre, avec les éléments scouts, routiers et guides de leur ville. Il est de temps de penser à organiser les vacances prochaines.

Dans la mesure du possible, nous leur demandons de nous tenir au courant de leurs démarches.

A.RIBOT

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxo

Tie li prezentis, per lumbildoj, la Kulturdomon de la Francaj Esperantistoj, kastelo Grezijono.

# VIVA DE LA GRUPAJ

LES ANDELYS - Nacia Renkontiĝo organizita de la Orléans-skune kun la Andelys-a grupo, okazis en Les Andelys, laŭ la jena programo
Vendredon 10-2: ekde la 14-a horo: akcepto de la gastoj - 19a horo: Komuna vespermanĝo, kaj varietea vespero;
Sabaton 11/2: tuttaga ekskurso al Rouen, Le Havre kaj la Ponto de Tancarville;
Dimanĉon 12/2: je la 10-a: prezento de sia lando fare de japana studentino;
12h30: bankedo, kaj poste disiĝo de la partoprenintoj.

-o-o-o-

ANGOULEME - La 4-an de decembro 1966 okazis en la Junulara Domo la ĝenerala kunveno de la ĉarenta esperantista asocio, kiun partoprenis tridek samideanoj.

La Prezidanto reliefigis la sukceson de la interŝanĝo okazinta inter la ĉarenta grupo kaj la germana grupo de Hildesheim, urbo ĝemeligita kun Angoulême.

La kasisto sciigis la bonan staton de la kaso, kaj la grupestroj, kaj kursgvidantoj informis pri sia agado. La plej kontentigaj informoj venis el Saintes, kie multaj gelernantoj vizitas la kursojn en la liceoj. Du kursoj (en Junulardomo kaj lernejo Jules Ferry) okazas en Angoulême; dume en Aigre ĵus malfermiĝis kurso por la geknaboj de la elementa lernejo.

Nunjara estraro: S-ro LAURENT prezidanto; S-ro BONDOIRE kasisto; S-ro BEJAN, redaktoro de la Bulteno; S-ro JONQUET, unu el la fondintoj de la asocio, denove eniris en la estraron kiel sekretarion.

-o-o-o-o-o-o-o-o-o-

GUEBWILLER - La unuan de Januaro 67, naskiĝis la KULTURA ESPERANTO-CENTRO "FLORIVAL" dank'al la iniciato de S-ano Eugène WERMELINGER 66 rue Florival en (F.68) BUHL.

Tiu nova grupo jam havas programon por la kuranta jaro: eldono de 60/90 bildoj kaj 90-minutan tekston, kiuj prezentos ĝian interesan urbon, kaj ĉirkaŭaĵon; ĝi informos vin pri la allogaj turismaj eblecoj, vivmaniero de la enloĝantoj kaj ties aktivecoj, kaj ankaŭ pri la agado de la juna esperplena Esperanto Asocio.

LE MANS -Kun granda plezuro ni eksciis pri la reviviĝo de la Renault-Grupo, kiu antaŭ kelkaj jaroj montriĝis tiel vigla. La prezidanto estas nia amiko Bernard MICHEL. Nia plej elkora deziro estas, ke litrovu inter la Renault-laboristaro kelkajn samideanajn elementojn, kiuj lin efike helpos por vigligi la grupon, kaj igi ĝin fruktodona sur la Internacia kampo de Amikeco.

MONTELIMAR - Esperantista kooperativo zorgeme gvidata de Sro Lentaigne (F.D. de UEA en Montpelier starigis cirkulantan ekspozicion - pri la Esperanto-libro. Post Montpellier kaj Nîmes, tiu ekspozicio estis vizitata de la publiko de Montélimar de la 19a ĝis la 27a de Nov. en la sidejo de la esperanta loka grupo.

La ekspozicio estis anoncita pere de 8.000 prospektoj deponitaj en ĉiuj leterskatoloj de la urbo, kaj disĵetitaj sur la stratoj de la najbaraj urbetoj.

La 19an de Nov. okazis la oficiala malfermo, sub la prezidanteco de la deputito-urbestro S-ro PIC, eks-ministro, kiu dum preskaŭ unu horo kun intereso vizitis la ekspozicion. La Deputito kaj la aliaj oficialuloj nome liceestro, direktoro de la Junulara Federacio, prezidanto de la turismoficejo kaj aliaj, miris pri la graveco kaj valoro de la Esperanta literaturo. Dum sia parolado, la

Deputito agnoskis tiun gravecon, kaj diris, ke li ne supozis antaŭe, ke Esperanto havas tiel valoran literaturon. Ses ĵurnalistoj ĉeestis, kaj aperigis artikolojn kun fotoj enkvar gazetoj. Dum unu semajno la publiko vizitis la ekspozicion, kiu, poste estis prezentita dum unu tago en la Liceo, kie la liceanoj povis ĝin viziti.

La ekspozicio estas aranĝita en 12 kofretoj; ĉiu kofreto havas iun temon: originala literaturo, prozo kaj poezio, diverslandaj tradukitaj literaturoj,pri iu verkisto: Shakespeare, pri Japanujo, tradukoj de la franca literaturo,politiko, religio, filozofio, scienco, k.t.p....sed kio plej multe plaĉis - aŭ mirigis - estis la "Dia Komedio" kaj la tradukoj en Esperanto.

Oni nur povas konsili al ĉiuj grupoj organizi tian ekspozicion, ĉar neesperantisto tute ne scias pri nia literaturo, kaj post tia informado li konsideras Esperanton kun pli da intereso.

PAMIERS - Ges-oj P O N S, lerninte la lingvon,komencas utile agadi kaj propagandi; senbrua sed fruktoporta laboro,dank'al kiu kelkaj novaj samideanoj eklernas la lingvon. Junulara gazeto REFLETS ekinteresiĝis pri nia lingvo, kaj deziras ĉiusemajne aperigi artikoleton pri ĝi.

PONTARLIER - La ĉi tiea grupo funkcias bone; kursoj okazas regule: 16 komencantoj, 10 daŭrigantoj en vesperaj publikaj kursoj.

Ni ne sukcesis organizi kursojn en lernejoj.

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

La 20-a KONGRESO DE K.E.L.I. okazos en 1967 en TORRE PELLICE, de la 22-a ĝis la 29-a de Julio. Plena kotizo de kongresan(in)o estas 130 ned.gld. Pliajn informojn donos al vi la Sekretariino F-ino Tini PUTTO, en EDE, (Ned.) Schaapsweg 139.

## H E L S I N G Ö R

La Internaciaj Feriaj Esperanto - Kursoj okazos de la 23a ĝis 30a julio en la Internacia Altlernejo (tute modernigita) de Helsingör (Danlando)

Venu por ĝui belan ferio-semajnon en vere Esperanto-rondo. Prospektoj senpage haveblaj ĉe L. FRIIS, Ingemannsvej 9, AABYHØJ (Danlando).

La aŭtunaj feriaj esperanto -kursoj okazos en la altlernejo JUNAJ HEJMOJ ĉe AARHUS de la 15a ĝis la 21 de oktobro 1967. Programo provizora estas jam havebla je la sama adreso.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## N O R R K Ö P I N G

acceptera cette année le Congrès de la Fédération Suédoise Espérantiste. A cette occasion fonctionnera un bureau postal temporaire, avec oblitération spéciale (pendant les fêtes de la Pentecôte).

On peut dès maintenant commander, à ESPERANTO - KLUBO de Norrköping, poŝtfako 49, Norrköping (Svedujo) la série de trois enveloppes philatéliques, contenant chacune une carte de "glumarkoj", au prix de 9 coupons réponse internationaux.

xxoxxoxxoxxoxxoxxoxxoxxoxxoxxoxxo

## ESPERANTO-KONGRESO EN INNSBRUCK

Por la lasta semajno de Julio 67, la Aŭstria Esperanto-Federacio preparas gravan aranĝon:
EUROPA KONGRESO ESPERANTA - INNSBRUCK

La du ĉefaj temoj estos: Eŭropa - Esperanto-Revuo kaj Eŭropa-Esperanto Servo Turisma.

Petu aliĝilojn, kaj unuan oficialan bultenon de Esperanto-Centro, 16 Fünfhausgasse, A.1150 WIEN(Aŭstrio), kaj sendu la pagon al U.F.E. kiu estas peranto por tiu okazaĵo.

-o-o-o-

ROTARIO - La Internacia Kongreso de
======= ROTARY-INTERNATIONAL, kiu okazos en Nice dum majo 1967, enhavos esperanto-budon.

Amase sendu salutojn, gratulojn, kaj bondezirojn.

Adreso: ROTARY - Hôtel Negresco - 06.NICE.

xxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxooxxoo

ŜIPA KARAVANO AL TEL - AVIV
==========================

La gesamideanoj, kiuj ne ŝatas vojaĝi aviadile, povos ĝui la plezuron de krozado al Tel - Aviv, urbo de la 52-a U.K. de Esperanto.

Sur la ŝipo okazos kursoj por komencantoj, interesaj prelegoj, koncerto, kino, dancoj, ktp...

La ŝipo "Moledet" foriros el Marseille la 25-an de julio kaj revenos ĉe la sama haveno la 16-an de aŭgusto. Oni antaŭvidas haltojn en Napolo Ateno, Cipro, kaj diversajn ekskursojn en Israelo (minimuma prezo, kun kompleta pensiono: 1.200 F.)

Detalajn informojn sendos S-ro R LLECH-WALTER, 5 quai Vauban, en Perpignan (66) kontraŭ p.m. je 0,30 F.

++++++++++++++++++++++++++++++++++++

Pola junulo deziras interŝanĝi restadon en sia urbo kontraŭ restado en Tel-Aviv, dum la universala kongreso.
Bonvolu skribi al S-ro BRONOWSKI
Ochaby 40, Pta-Skoczox
Pow Cieszyn, Pollando.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Pour vos Elèves
Manuel Chavet-Warnier......... 8 Frs

Pour vos Loisirs
Tio, kion mi kredas (Rostand). 3 Frs
-o-o-o-

A T A - I T A
==============

Pri la konjugacio aperis pluraj studoj:

NE KIEL MEIER! de Raymond Schwartz, en Kolekto de Franca - Esperanto-Instituto nº9 - eldono de U.F.E.

ESPERANTO - MODERNA LINGVO, de Setälä, Vilborg kaj Stopwitz - eldono: Helsinki 1965, Fonduso Esperanto

VOJAĜO INTER LA TEMPOJ, de K. Kalocsay - eldono: Stafeto.

Tiuj tri verkoj, kiuj koncernas aparte la gramatikajn fakulojn kaj la instruantojn de la lingvo, kompletigas la dosieron de la "Simpozio pri Ata/Ita".

Pri la temo la Franca Movado memorigas la rezolucion de la 54-a Nacia Kongreso, akceptitan de la ĝenerala kunveno en Baugé la 21-ab dz aprilo 1962:
"konsiderante, ke per la uzado en esperanto "de particip-sistemo tute nekonforma al la "Fundamento, oni rompas la lingvan unuecon "kaj, per tio mem grave endanĝerigas la ek-"ziston de Esperanto;
1) malaprobas la subtenantojn de la nefun - "damenta particip-sistemo;
"2) invitas ĉiujn esperantistojn praktiki la "lingvon laŭ la modeloj de la Fundamenta Ek-"zercaro de la verkaro de D-ro Zamenhof;
3) atendas de ĉiuj gvidantoj de la Esperanto "movado senŝancelan fidelecon al la Fun-"damento (Gramatiko kaj Ekzercaro);
"4) komisias la Estraron de U.F.E. zorgi pri "tio, ke estu propagandata en Francujo, sub "la nomo ESPERANTO, sole kaj ekskluzive "La "Lingvo Internacia de D-ro Esperanto", kiel "li mem uzadis ĝin konforme al la Fundamento "de Esperanto;
5) kaj komisias U.F.E. inviti ĉiujn landajn "asociojn al kunagado por defendi la Zamen "hofan Esperanton kaj konservi la unuecon de "la lingvo". (F.E.Nº209 - Junio 1962 p.76).

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:

ANTO-ACTUALITES...ESPERANTO-ACTUALITES-ESPERANTO-ACTUALITES....ESPERANTO ACTUALITES...ESPERANTO-ACTUALITES...

GROUPE des

ESPERANTISTES de l'

ENSEIGNEMENT

KIU POVAS HELPI ?

Ĉu vi povas helpi al mi, kaj montri al niaj geinstruistoj praktikecon de Esperanto? Kial?

Mi bezonus peri korespondadon inter ĉ. 20 gelernantoj, kiuj komencis lerni la francan lingvon.

Tiuj gelernantoj en la jaro 1967, dum la libertempo dezirus pasigi 14-tagan restadon en Arras, interŝanĝe per la 14taga restado en nia 40.000 da enl.urbo ZILINA (meza Slovakio), inter belegaj montaroj. Estas eblaj ekskursoj al "burgoj",kavernoj, kasteloj, montaro, kuracbanejoj, ktp... laù deziro.

Kun akompano de (eble) 2 geinstruistoj.

Se estos intereso, cetere pere de letero al Ładislay HANZEL, - L.B.l.- Hliny-IV ZILINA (Ceñoslovakio).

-o-o-o-o-o-

Instruistino en pola pedagogia liceo ege deziras viziti Francujon dum julio - aùgusto 1967.

Ŝi - altinstruista sinjorino - estas 60 j. kaj kiel sperta, longjara instruistino estas bone salajrata. Ŝi estas tre vigla kaj bonhumora, bone scianta la francan lingvon.

Si estas preta bone kaj kore gastigi en sia hejmo kaj en Pollando, unu francan instruistinon, kiu deziras reciproke viziti Pollandon, k a j reciproke gastigi ŝin en Francujo.

Sin turni al S-ino Profesorino M. NIKOSIEWICZ, Pedagogia Liceo, WROCLAW ul. Swierczewskiego 27 (Pollando)

-o-o-o-o-o-

Kiu bonvolus akcepti hejme hungaran fraùlinon, kiu deziras plibonigi, sian franc-lingvan povo-scion, p o r iĝi instruistino de la franca lingvo. Bonvolu skribi al S-ro SZEKELY Imre - SZEGED, Lenin krt 61 (Hungarujo)

ESPERANTO ET CULTURE - oficiala organo de G.E.E. Red. S-ino J. VINCENT rue des Oiseaux, 27-Les Andelys. Materialon por "E. & C." oni sendu antaù la 5-a de la monato.

GRAVA ALVOKO, cele al starigo de kompleta listo de haveblaj kursoj ĉiuj gvidantoj de Esperanto-kursoj, instruistoj aù ne, estaj petataj plenigi la ĉi suban demandaron, kaj sendi kiel eble plej frue al S-ino J. VINCENT:

titolo de la lernolibro:
nomo de la aùtoro(j):
eldonejo - prezo - formato:
nombro da lecionoj:
ĉu ĝi estas rekta aù gramatika metodo? kaj por kiu aĝo ĝi estas destinita -
aliaj komentoj:
Nomo kaj adreso de la kursgvidanto:

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

La Kongreso de G. E. E. okazos en TOULOUSE la 31-an de marto kaj la 1-an deaprilo 1967. Vidu informon en la venonta numero de F.E. Detala cirkulero estas je dispono de kongresontoj. Petante ĝin, sendu ankaù adresitan kaj afrankitan koverton al Groupe des Espérantistes de l'Enseignement (G.E.E.) 3 rue Roquelaine en (31) TOULOUSE.

mxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmxmx

MEMORAĴO pri la KONGRESO en AGEN

La festparolado de D-ro ALBAULT estos surdiske eldonita en tute limigita kvanto. Vi povas ankoraù mendi ekzemplerojn urĝe sendante po 30 F.F aù 86 steloj al la konto de D-ro ALBAULT (608 - 30 Toulouse), ĉar estos presita la ĝusta nombro: ne eblos poste havigi al si la diskon.

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

Pola junulo deziras interŝanĝi - restadon en sia urbo kontraù restado en Tel-Aviv dum la universala kongreso/ Bonvolunskribi al S-ro BRONOWSKI Ochaby 40, Pta Skoczox, Pow Cieszyn.

# 59-a Nacia Kongreso de Esperanto

## *5-a Markola Kongreso*

## 12 - 15-a de Majo 1967 — CALAIS

Président d'honneur : M. Jean TOMASI, préfet du Pas-de-Calais.
Président : M. Jacques VENDROUX, député-maire de Calais, vice-président du Parlement Européen.
Membres : M. Henri COLLETTE, député.
M. Bernard CHOCHOY, sénateur, président du Conseil Général du Pas-de-Calais.
M. le Recteur Guy DEBEYRE, de l'Académie de Lille.
M. Paul ZERKOVITZ, sous-préfet de Calais.
M. Xavier DOGNIN, président de la Chambre de Commerce et d'Industrie de Calais.
M. Yves LAPORTE, inspecteur d'Académie du Pas-de-Calais.
M. Lucien PICKAERT, inspecteur d'Académie adjoint.
M. Gilbert BARAS, président du Centre Culturel du Calaisis.

### *INFORMOJ*

KONGRESEJO : Urbodomo de Calais.
SEKRETARIEJO : 178, Chemin Castre, 62 - Calais.
PAGO : al Fernand DITACROUTE, C.C.P. Lille 2303-96 au per bankĉeko.

**ALIĜOJ :**

Ĝis 15-3-1967 : 7 F.Fr. - Familianoj k. Studentoj : 4 F.Fr.
Post 15-3-1967 : 10 F.Fr. - Familianoj k. Studentoj : 6 F.Fr.
Honora aliĝo : 6 F.Fr. (rajtigante ricevi insignon kaj kongreslibron por tiuj, kiuj ne ĉeestos).
Por Eksterlandanoj : SENPAGA.

**LIMDATOJ :**

Aliĝo al la Kongreso : ĝis la 30-a de Aprilo.
Loĝado : ĝis la 10-a de Aprilo.

**LOGADO :**

Hotelo 1-a kategorio : 12 ĝis 17 F.F. po ĉambro.
« 2-a « : 18 ĝis 23 F.F. « «
« 3-a « : 24 ĝis 30 F.F. « «

— Ni aparte akcentas la neceson rezervigi kiel eble plej rapide la necesajn ĉambrojn, NEPRE antaŭ la 10-a de Aprilo. Antaŭpago de minimume unu nokto estas postulata por la rezervado.
— Junulargastejo kaj taŭgaranĝita kampadejo : petu informojn.

**SABATA EKSKURSETO :**
Per aerglita ŝipo : 10 F.Fr. (pagebla surloke).

**DIMANĈA BANKEDO :**
Je la 13-a horo. — Prezo : 18 F.Fr.

**LUNDA EKSKURSO :**
(Inkluzivas tagmanĝon) : 22 F.Fr.
Suplemento por promenado sur la lageto : 4 F.Fr. por unu boateto, 4 sidloka, por 2 horoj.

## ALIĜO al la 59-a Nacia Kongreso

### *(5-a Markola Kongreso)*

**(SENDOTA : 178, CHEMIN CASTRE - (62) CALAIS**

La Subskribinto,
NOMO : ........................................ Antaŭnomo : ........................................
Adreso : ........................................................................................

aliĝas al la 59-a Nacia Kongreso de Esperanto.

........................ familianoj akompanos min.
Mi partoprenos la sabatan ekskurseton. (1).
Mi partoprenos la lundan ekskurson (tagmanĝo inkluzive) (1)..
Mi sendas, kune kun mia aliĝilo, al la 59-a NACIA KONGRESO DE ESPERANTO :
— bankĉeko, aŭ poŝta ĝiro al P.Ĉ.K. je la nomo de F. DITACROUTE (1) laŭ la jena detalado :

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| ........................ | kongreskotizo | je F. Fr. | 7 = | ........................ | (ĝis 15-3-67). |
| ........................ | « | « | 4 = | ........................ | (famil. k. student.). |
| ........................ | « | « | 10 = | ........................ | (post 15-3-67). |
| ........................ | « | « | 6 = | ........................ | (famil. k. student.). |
| ........................ | honorkotizo | « | 6 = | ........................ | |
| ........................ | dimanĉa bankedo | « | 18 = | ........................ | |
| ........................ | lunda ekskurso | « | 22 = | ........................ | |
| ........................ | antaŭpago por hotelo je | | = | ........................ | (1 nokto po ĉambro). |
| ........................ | persona donaco | | = | ........................ | |
| | | Sume | = | ........................ | |

Krome, mi deziras ricevi ........................ fervojajn kongresrabatilojn.

# PROGRAMO

**VENDREDO 12 :**

De la 14-a : Akceptado de la kongresanoj ĉe LA MAISON DU TOURISME (Turismoficejo) apud la staci domo — Malfermita ĝis noktomezo.

**SABATO 13 :**

Matene : Akceptado de la kongresanoj ĉe La Maison du Tourisme.
14 h. 00 : Marekskurseto per aerglita ŝipo.
17 h. 00 : Kunsido de la Delegitoj de U.E.A.
18 h. 00 : Libera tempo por manĝado.
19 h. 30 : Kunsido de la Konsilantaro de Union Française pour l'Esperanto.
ĝis : Kunsido de diversaj komisionoj.
22 h. 00 : Kunsido de la Markolanoj.

**DIMANĈO 14 :**

7 h. 00 : Katolika Diservo
8 h. 00 : Protestanta Diservo aŭ vizito de la urbo.

9 h. 00 : Malfermo de la Kongreso — 1-a laborkunsido.
12 h. 00 : Oficiala akcepto de la Urbestraro.
Komuna fotografado.
13 h. 00 : Bankedo ĉe « Salle Centrale », rue de Vic.
16 h. 00 : Libera promenado.
17 h. 00 : Folklora k. distra vespero (1-a parto).
19 h. 00 : Libera tempo por manĝado.
20 h. 30 : Distra k. kultura vespero (2-a parto).

**LUNDO 15 :**

8 h. 30 : Dua laborkunsido.
11 h. 30 : Fermo de la kunsido.
12 h. 00 : Ekskurso al Clairmarais (apud St-Omer) per aŭtobuso.
13 h. 00 : Komuna tagmanĝo ĉe « Le Grand St-Bernard » apud la lageto.
Promenado — Ebleco de kemado sur la lageto.
17 h. 00 : Reveno al Calais, ĝustatempe ĉe la Stacidomo por la reirveturo ĉiudirekte.

---

# LOĜADO

Mi alvenos la .................... je la .................... horo per aŭto — fervoje (1).

Mi reforiros la .................... je la .................... horo.

Mi deziras okupi en hotelo 1-2-3-a kategoria : (1).

.................... ĉambro (j) kun .................... lito (j) .................... persona (j) je .................... Fr. (proksim.).

.................... ĉambro (j) kun .................... lito (j) .................... persona (j) je .................... Fr. (proksim.)

.................... ĉambro (j) kun .................... lito (j) .................... persona (j) je .................... Fr. (proksim.).

**RIMARKOJ :**

(Subskribo)

En .................... la .................... 1967.

....................

(1) Forstreku la senutilajn vortojn.

